# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* **№ 1 (80) februaro 2014**




**en la numero**



**Moskvo, 2014**

# enhavo







**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

*№ 1 (80) februaro 2014*

*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Georgij Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2014:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 580 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono*** *– 300 rub. (10 eŭr.)*

## BONVENON AL RA-9!



Novosibirska E-klubo invitas vin pasigi tempon en Altajo! Altajo estas sovaĝa montaro kun belegaj pejzaĝoj: rapidaj riveretoj, altaj neĝaj montopintoj, kampaj floroj kaj arbaraj beroj.

Renkontiĝo de Amikoj (RA) estas tre vojaĝema aranĝo, kiu tre ŝatas sunon, bonan etoson kaj amikajn ridetojn! RA-9 planas distri vin en tradicia maniero: du-nivelaj E-kursoj, sportumado, metiejoj, lernado de E-kantoj, ekskursoj.

Aranĝo komenciĝos la 1-an de aŭgusto kaj daŭros 10 tagojn. En la programo tradicie estos kursoj de Esperanto, kantado ĉe lignofajro, sportumado, ekskursoj.

Kursojn ĉi-jare gvidos hispana esperantisto Rafael Gonzales. Li estas profesia instruisto kaj kursgvidanto de Esperanto. Dum la lecionoj lernantoj nur kvazaŭ amuziĝis, tamen evidentiĝis, ke ili parolas la lingvon, pri kiu kelkaj eĉ ne aŭdis antaŭ unu monato!

Preskaŭ ĉiutage vin atendos promenadoj kaj ekskursoj al belaj lagoj, akvofaloj kaj montoj. Vespere ni ludos kaj kantos. Ankaŭ okazos diversaj konkursoj inter partoprenantoj.

Loĝkondiĉoj estas sufiĉe bonaj por la sovaĝa loko: ni loĝos en 4-litaj lignaj dometoj kun elektro. En ĉiu ĉambro estas akvoboligilo. Trifoja manĝado en tradicia mongola jurto. Eksteraj necesejoj (eŭropaj), banejo. Eble oni organizos por ni somerajn duŝejojn.

Partoprenantoj ankaŭ povos loĝi en tendoj kaj memzorgi. La proksima vilaĝo Ĉibit estas je du kilometroj de la bazejo.





Loko: la bazejo "Vagabondo" troviĝas apud la vilaĝo Ĉibit je 610 kilometroj de Barnaulo en pitoreska sovaĝa loko en la montaro. (De Novosibirsko la distanco estas 850 km.)

Loĝvariantoj: en 4-litaj lignaj dometoj sen komfortaĵoj (por mendi la lokon oni devas antaŭpagi 50% de la plena sumo); en mongolaj etnodometoj (por mendi la lokon oni devas antaŭpagi 50% de la plena sumo); en propraj tendoj; en luitaj tendoj.

Aliaj kondiĉoj: eksteraj necesejoj; banejo.

Por programeroj uzeblos eksteraj komunaj placetoj subtegmentaj kaj subĉielaj.

Por atingi la bazejon ni planas mendi buson de Barnaulo (la lokon en la buso oni devas pripagi plene antaŭ la vojaĝo).

Manĝvariantoj: trifoja en la manĝejo de la bazejo; memzorga (proksima vilaĝo kaj vendejoj estas je du kilometroj de la bazejo, aŭ kunportu vian manĝaĵon, se vi planas mem kuiri).

Aliĝkotizoj dependas de la aĝo.

Ĉiu partoprenanto ricevos RA-ĉemizon! Ne forgesu mencii vian dimension.

La kotizo estas persona, netransdonebla kaj neredonebla, eĉ en kazo de la nepartopreno.

Bonvolu sendi viajn kotizojn al la jena konto:

BENEFICIARY (la ricevanto): Арбекова Екатерина Александровна (Arbekova Jekaterina Aleksandrovna)

ACCOUNT (la konto): 42301810801199000066

BANK OF BENEFICIARY (banko-ricevanto): ОАО «МДМ» Банк, Новосибирск, ул. Ленина 18 (OAO "MDM" Bank, Novosibirsk, ul. Lenina 18)

ИНН (individua imposta numero): 5408117935

БИК (banka identiga kodo): 045004821

Por ricevi pli detalan informon pri kondiĉoj, programo kaj prezoj turnu vin al nia ret-paĝo <www.ra.nsk.ru>.

***Katerina Arbekova (Novosibirsk)***

## NOVJARAJ GRATULOJ




La nova jaro en nia klubo komenciĝis la 10-an de januaro, kiam ni kunvenis por priparoli programon de tradicia komuna Novjara festo kun niaj amikinoj el Dimitrovgrad. Nia gvidantino dum tiu festo estis Lubovj Zajceva. Ŝi verkis scenaron, tradukis ĝin en Esperanton kaj elpensis multajn interesajn taskojn por partoprenantoj. Sekreta estis nur unu rolo, kiun neniu volis ludi. Finfine oni trovis tiun personon. Kaj estis granda surprizo, kiam anstataŭ bela juna Neĝulino apud Avo Frosto (tradicia rolo de Sergeo Abramov) aperis nejuna virinaĉo kun balailo en la mano kaj rano ĉe la zono. Ŝi deziregas partopreni la feston, klarigis al ĉeestantoj, ke ŝi estas tre bonkora, kaj post nelonga diskutado oni permesis al ŝi resti ĉe la abio.

Ni ripetis la kantojn el la kluba kantaro de Tatjana Kuzjmina kaj ludis domen-ludon "Arboj", ĉar, unue, tradicia novjara kanto estas pri abio, kaj, due, antaŭe ni lernis multajn kantojn pri arboj (ekzemple, "Sorpo", "Viburno" k.t.p.).

Do, dimanĉo (la 12-a de januaro) venis, kaj ni gaje salutis triopon el la klubo "Verda suno" (Dimitrovgrad), gvidatan de ĝia prezidantino Tatjana Iljutkina. Ni ĝojis vidi nian amikinon Tamara Kirik, kun kiu ni ofte vojaĝis al diversaj E-aranĝoj, kaj novulinon Jelena Ĉernova, kiu tuj amikiĝis kun siaj samaĝuloj (bedaŭrinde, ili ne estis multaj). Ni interŝanĝis kun la samideanoj simbolojn de la jaro 2014. Ĉiu klubano el Uljanovsk ricevis





simpatian paperan ĉevaleton, kaj la klubo el Dimitrovgrad – ankaŭ paperan Pegazon kun aŭtografoj de la ĉeestantoj. Tamen pli granda surprizo estis alia donaco de Tatjana Iljutkina al nia klubo – multaj E-libroj, inter kiuj estis du raraj.

Nia programo nomiĝis "Novjaraj gratuloj", tial ni ankoraŭfoje salutis niajn gastojn per deklamo de du versaĵetoj (de Daniel Kolker kaj de Tatjana Vŝivceva) kaj deziris al ili ĉion bonan (laŭtekste). Ĉe la tablo eblis persone gratuli la najbarojn dum humura ludo. Avo Frosto tradicie disdonis donacetojn. Ili estis tute neatenditaj: sub nomo "lavmaŝino", ekzemple, nia Avo enmanigis skrapgumon.



Niaj modulinoj vizitis "modan salonon", kie ili konkursis por havi la plej belan vestaĵon. Tiu, kiu ŝatas danci, valsis kiel neĝero aŭ imitis dancon de aglo. Irina Obuĥova kaj Tatjana Kuzjmina akompanis nian kantadon gitarludante. Irina prenis multajn molajn ludilojn, kaj ĉiuj kun granda plezuro kantis novan kanteton "Se havus mi" (dume ruslingve), uzante tiujn ludilojn.

Interesa estis kvizo pri simbolo de la nova jaro – ĉevalo. Certe venkis amikeco, kaj ĉiu ludanto ricevis bombonojn.

Iufoje ŝajnis, ke ni revenis en nian junecon, eĉ en la infanecon. Tamen tio devas de tempo al tempo okazi al ni, ĉar tio alportas ĝojon. Ĉu vi konsentas?

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## KUTIMA KLUBA VIVO



En nova sezono nia klubo vivas sufiĉe vigle. Ni kunvenas dufoje ĉiusemajne: merkrede kaj dimanĉe.

Merkrede ni lernas, uzante la lernolibron de B.Kolker. Krome, ni provas multe paroli, nur respondante la demandojn de gvidantino.

Dimanĉe ni havas diversajn programojn. Tamen ilin ĉiujn komencas la vortoj "Mi volus rakonti al vi pri...". Januare ni jam spektis tri komputilajn prezentojn de M.Karceva: "Nia Suna sistemo", "Pierre de Coubertin" kaj "Vintraj olimpiaj konkursoj" (ĉiu prezento kun postaj diversaj taskoj). Tatjana Kuzjmina rakontis pri sia vojaĝo al Svedio kaj Finnlando. Krome, ŝi voĉlegis la rakonton "La barilo" de István Nemere. Sergeo Abramov memorigis al ni pri Vladimir Visockij. Galina Aleksejeva rakontis pri specoj de horloĝoj. Lubovj Zajceva tradukis en Esperanton diversajn ruslingvajn ŝercojn. Ludmila Kulbakova kolektis multe da interesaj frazoj el nia regiona gazeto kaj disdonis ilin al ni por traduko. Temis ankaŭ pri tio, kiel ni lernas Esperanton (Jelena Sirotinina).

Ni multe ludas. Tatjana Kuzjmina faris propramane novan ludon "Faru el literoj vortojn". Ne forgesitaj estas aliaj antaŭe preparitaj klubaj ludoj (domeno, lotludo, proverboj).

Ni vizitis Malgrandan teatron kaj poste priparolis la spektaklon esperantlingve. Pretaj estas du numeroj de nia kluba ĵurnalo "Verda teo" pri la kluba vivo dum la jaro 2013. Ni povas montri tiuteman prezenton. Sergeo Abramov elpensis novan sportan vestaĵon kun esperantaĵoj, kaj tiu brustumo plaĉas al ni. Li kaj Jurij havas novajn ideojn. Tamen pri ili ni dume silentu.



Certe iu diros: "Nu, kaj kio do? Nenio interesa!". Sed por ni mem niaj kunvenoj estas bona eblo por fari ankoraŭ unu videblan E-paŝeton.

***Margarita Karceva***
***(Uljanovsk)***




## PUŜKIN EN SIMBIRSK

Septembre de 2013 nia urbo celebradis la 180-jaran datrevenon de Puŝkin-vizito al Simbirsk. Ankaŭ uljanovska Esperanto-klubo intencis kunveni okaze de tiu evento. Tamen la kunveno realiĝis nur la 9-an de februaro. La programo estis enhavriĉa. Ĝin komencis koncerto de niaj gastoj – ensemblo "Patrujaj vastaĵoj" sub gvido de Jurij Grigorjev. Oni plenumis romancojn laŭ tekstoj de A.S.Puŝkin. Krome, niaj klubanoj deklamis aŭ voĉlegis liajn versaĵojn (L.Zajceva, L.Kulbakova, E.Sirotinina, O.Sirotinina, G.Aleksejeva, S.Abramov, Z.Sibgatullina). Niaj gastoj interesiĝis pri Esperanto. Jurij Karcev respondis multajn demandojn kaj montris fotojn pri UK. Poste la klubanoj aliĝis al alia aranĝo, dediĉita al la poeto. Ni renkontiĝis kun Ĵores Trofimov, regionografiisto kaj aŭtoro de kelkaj libroj pri la poeto.

Bonega ekspozicio "Puŝkin en pentraĵoj" estis preparita de la oficistoj de regiona biblioteko I.Vasina kaj G.Zinovjeva laŭ nia peto.

Entute la kunveno daŭris kvar horojn. Por la sekva dimanĉa aranĝo restis esperantlingva komputila prezento "Puŝkin en Simbirsk" (M.Karceva) kaj kvizo "Figuro de Puŝkin en pentroarto" (kunlaboro de G.Martjanova, N.Sergejeva kaj M.Karceva).

Ni proponas al legantoj rakonteton pri la vizito de la poeto al Simbirsk.

***

Aŭtune de la jaro 1833 A.Puŝkin dufoje vizitis Simbirskon kaj la gubernion survoje al Orenburgo kaj reen. Li serĉis legendojn kaj vivantajn atestantojn de la Pugaĉov-ribelo.

La gento de Puŝkin-oj estis ligita kun Simbirsk jam antaŭ la naskiĝo de la poeto. Du liaj parencoj estis en la 17-a jarcento vojevodoj en la urbo. Krome, simbirska guberniestro A.M.Zagrjaĵskij estis boonklo de Natalja Gonĉarova. En 1941 al Uljanovsk estis evakuitaj gepranepoj de la poeto – Julija Grigorjevna kaj Aleksandr Grigorjeviĉ. La lasta vivis ĉi tie dum unu jaro, ekmalsanis je pneŭmonio kaj mortis. Lia tombo troviĝas en malnova urba tombejo. Julija Grigorjevna vizitis nian urbon en 2008. Pri ŝia vizito skribis Lilija Januŝevskaja en nia regiona revuo "Monomaĥ" (№ 5/2013).

A.S.Puŝkin mem vizitis en la urbo sian amikon – poeton Nikolaon Jazikov. Serĉante materialojn pri J.Pugaĉov li travojaĝis la tutan gubernion.

La poeto menciis Simbirskon en kelkaj verkoj. Unu el ĉefaj literaturaj personoj Petruŝa Grinjov estas simbirska nobelulo. Finante sian verkon "La

kapitanfilino” A.S.Puŝkin skribis pri li kaj lia edzino Marija: “Baldaŭ poste Petro Andreiĉ edziĝis je Marija Ivanovna. Ilia posteularo havas feliĉan vivon en la Simbirska gubernio.” (traduko de M.Ŝidlovskaja)

Ekzistas hipotezo, ke en Simbirsk la poeto provizore loĝis en la domo de la guberniestro A.M.Zagrjaĵskij. Aleksandr instruis dancadon al guberniestraj filinoj kaj tre ŝatis valsi kun dekunujara Liza, kiu post kelkaj jaroj edziniĝis al la pli juna frato de la poeto.

La 9-an aŭ la 10-an de septembro 1833 A.Puŝkin elveturis el Kazanj kaj venis al nia urbo. Eksciinte, ke lia amiko Nikolao forestas en la urbo, la poeto veturis al lia bieno, vilaĝo Jazikovo, tamen li trovis tie nur lian pli aĝan fraton Petron. Tranoktinte, la poeto revenis al Simbirsk, kie li restis ankoraŭ dum unu tago. Kaj nokte li elveturis al sudo, al Orenburgo laŭ la dekstra riverbordo. Sed li atingis nur la trian stacion, Sengilejon. Survoje li renkontis leporon, kaj tio estis malbona antaŭsigno. Kaj poste evidentiĝis, ke ĉiuj staciaj veturigistoj estis aŭ ebriaj aŭ blindaj. Kaj li revenis al Simbirsk. Post unu tago la poeto elektis alian vojon – laŭ la maldekstra riverbordo.



En notlibro de la poeto restis simbirska pejzaĝo, kiun li desegnis propramane. A.Puŝkin desegnis skeme Smolenskaja-monteton. Tiel nomiĝis unu el deklivoj de la alta Volga bordo. Supre troviĝis Smolenskaja-preĝejo. Post terdeglito ĝi detruiĝis.

La poeto vizitis sendube ĉiujn lokojn, ligitajn kun J.Pugaĉov. Tiu “gastis” ĉi tie ne laŭ propra deziro. Oni veturigis lin, enĉenigitan, al Simbirsk en ligna kaĝo. Enketis grafo P.I.Panin, armea ĉefkomandanto. P.I.Panin loĝis dumtempe en la plej bona ŝtona domo, kiu apartenis al komercisto Pustinnikov. La domo troviĝis sur tiu loko, kie poste estis konstruita milita gimnazio. En sovetia tempo tie troviĝis tanka militlernejo kaj poste Suvorov-militlernejo. Sciencistoj opinias (preskaŭ ne dubas), ke la poeto vizitis la domon de la komercisto, ĉar la notlibro de la poeto havas enskribon: “Panin. Domo de Pustinnikov.”

Ankoraŭ en la jaro 1899, okaze de la centjara jubileo de la poeto, Simbirska urba konsilantaro intencis starigi buston de la poeto. Tamen mankis mono. Post pli ol 100 jaroj skulptisto Zurab Cereteli donacis al nia regionografia muzeo Puŝkin-buston. Ĝi estis inaŭgurita la 12-an de junio 2005 apud la literatura muzeo "Domo de Jazikov-oj" (laŭiniciate de la muzea direkcio). En 2011 estas inaŭgurita monumento de A.V.Suvorov (skulptisto O.Klujev). Ĝi troviĝas apud Suvorov-militlernejo.



Laŭ legendo en Jazikovo kreskas arbo, kiun plantis A.S.Puŝkin. Omaĝe al la poeto ĉiujare komence de junio en Jazikovo tradicie okazas "Puŝkin-festo", kaj la uljanovskaj esperantistoj volas partopreni ĝin.

***Margarita Karceva (Uljanovsk),***
***Fotoj: Oljga Sirotinina (Uljanovsk)***

## NI FIERU PRI NIA IF

Ĉu vi ion scias pri IF-oj, la Internaciaj Festivaloj de esperantistoj? Almenaŭ tion, ke ili okazas dum jarŝanĝoj en diversaj lokoj de Germanio? Ke ekde la unua IF (1979) en la aranĝo partoprenis sume ĉ. 5000 geesperantistoj el 40 landoj? Ke inter ili nepre ĉeestis multaj gravuloj de la movado? Ke fakte ĉiuj famaj artistoj de nia Esperantujo koncertis en IF?..

Antaŭ jaro estis anoncite, ke la jubilea, 30-a IF, okazonta en Nordlingen, Bavario tradicie inter la 27.12.2013 kaj 03.01.2014, iĝos la lasta. Eblas kompreni do la ĉagrenon en la koroj de ĉiuj fidelaj adeptoj de tiu jarŝanĝa amaskunveno. Ja multaj el ili partoprenis en IF dum jardekoj (kelkaj eĉ en ĉiuj IF-oj senescepte!) – por tiuj la aranĝo estas vera rondo familia, ekster kiu ne imageblas la Novjara festo. Ankaŭ mi, partopreninta nur (!) en 12 IF-oj, veturis al mia dektria kun certa pezo en la koro.

Ho, tuj ĉe la veno al la antikva urbeto forvaporiĝis tiu pezo – ne pro la romantika etoso de la ĉarma Nordlingen, ne pro elstara komforteco de la IF-ejo kun moderne ekipitaj prelegejoj kaj dormoĉambroj, kun elstara saŭno kaj kun rava arto de lokaj kuiristoj. Du ĉefaj kaŭzoj tute ŝanĝis mian humoron: veno de cento da ŝatataj IF-amikoj plus dudeko da interesaj novaj partoprenantoj kaj anonco de la IF-mastro Hans Dieter Platz (HDP) pri la

decido oferti dum la sekva jarŝanĝo ekstran, la 31-an Festivalon!

Sed dume startis la 30-a, ekde la Interkona vespero tuj merginta min kune kun ĉiuj IF-anoj en la semajnan programon – eventoriĉan, atentokaptan kaj, por mi, konsiderinde lacigan.

La Internacia Vintra Universitato (IVU), gvidata de fama israela astronomo Amri Wandel jam dum sep jarŝanĝoj, prezentis varian temaron de la prelegoj – ekde astronomio ĝis certaj problemoj de EU. La aŭskultantoj rajtis postprelege ekzameniĝi pri la temo; multaj profitis tiun eblecon kaj ricevis specialajn diplomojn.

Ne malpli riĉenhava estis la prelegaro ekster IVU, kaj supozeble la plej interesa por esperantistoj estis prelego de Stefan MacGill "Novaj ventoj ĉe UEA". Rusianoj – Tatjana Loskutova, Anna Striganova kaj mi – prezentis manplenon da prelegoj, amase vizititaj. Okazis prezento de la eldonejo "Impeto", kie la ĉefredaktoro Dima Ŝevĉenko i.a. ricevis interesan proponon eldoni milpaĝan volumegon de esperantigitaj "Mil kaj Unu Noktoj". Aparte furoris la kurso de kievanino Larisa Osadĉuk pri origamio.



La sama Larisa, helpata de la filino Asja kaj belgo Alain Delmotte, plenigis unu vesperon per brila prezento de marionetteatraĵo "Nuksorompulo". Tri aliajn vesperojn plenigis Wolfgang Loose (Germanio) kun opera kabaredo, dediĉita al Verdi, Nataŝa Berce (Svedio), entuziasmiginta kaj kantiginta la tutan publikon, kaj mi kun Sergeo Straŝnenko, iom tro longe sed sukcese prezentintaj rusiajn bardojn. Kromaj vesperoj estis la Interkona, la Internacia kaj certe la Silvestra balo kun komuna tostado dum la japana, rusa, ukraina, latva-litova-israela, mezeŭropa, brita kaj islanda Novjaroj, kun luksa bufedo, kun tradicia polonezo kaj kun ĝismatena dancado. Mi diru, ke ne nur dum la Novjara nokto la IF-anoj dancadis – Esperanta dancvespero, lerte gvidata de Liba Gabalda (Francio), sukcese okazis la 28-an de decembro post la vespera arta programo.

Inter amaso de gajaj kaj amuzaj programeroj mencindas aparte ne tro gaja, sed tre impresa matineo, organizita omaĝe al Lena Karpunina, Esti Sabban kaj Josi Ŝemer, vivigintaj per sia partopreno kelkajn IF-programojn kaj forpasintaj pro kruela malsano. Enis en tiuj memorhoroj la paroloj de iliaj amikoj kaj parencoj, kantoj, dediĉitaj al ili, israelaj dancoj, kiujn ili ege ŝatis kaj modesta regalo. Endas diri ke la salonoj de ĉi-jara IF ricevis la nomojn Lena, Esti kaj Josi.



La tuttaga ekskurso al belega bavara urbeto Rothenburg estis aparte memorinda, kaj eĉ pli – por mi, kiu pro amuzaj cirkonstancoj estis devigita gvidi okdekpersonan grupon al la vidindaĵoj. Do, anticipe trastudinte la ruslingvan gvidlibron, mi pli-malpli sukcese balbutis pri la mirindaj aferoj, i.a. pri tri gutoj de la sango de Jesuo, konservataj en kristala ujo, en la altara kruco de la preĝejo de Sankta Jakobo, pri la unika jul-muzeo, pri la muzeo de la mezepoka justico ktp.

Ĉu mi jam diris pri la famega Esperanto-gastejo Knajpo? Ne? Do mi nepre diru, ke tiu estis plenplena ĉiuvespere post la 23-a horo kaj ĝis la 3-a matene, ke la bavara biero estas bongustega kaj ke, dank' al tiu, sed ankaŭ dank' al la plej amika etoso, tie okazis multego da amuzaj konversacioj, fervoraj komunaj kantadoj kaj porlongaj interkonatiĝoj, kion povas fidinde atesti ankaŭ miaj lernantinoj, tiĥvinaninoj Nadja kaj Oljga.

Nu, ju pli bonas la tempo, des pli rapide flugas ĝi. Forflugis la IF-semajno, lasinte ĝuindajn rememorojn, kaj en la lasta vespero Nataŝa, Sergeo kaj mi, subtenataj de la tuta IF-anaro, kantis unu el miaj IF-kantoj, kies tekston mi donacas ankaŭ al REGo-legantaro, kiel invitilon. Ĝis la sekva IF en Julich (Germanio)!

Jen Kristnasko denove
nin atingis bontrove,
do post hejma kutima festad'
ni vojaĝon reamas,
nia celo nun samas:
iru ni al IF, kamarad'!

Refr.: Hej, hej – levu la glason!
Hej-hej – kaptu l' okazon
nur boninkline tosti jarfine
en la amika medi'!

Hej-hej – kur' kalendara,
Hej-hej – sojlo novjara!
Ĉiujn nin ligis kaj kunvenigis
festo kaj lingvo por ni.

En la mez' de Eŭropo
nin akceptas HDP –
kun sincera gastamo, kaj do –
ni salutu lin, kaj po
bierkruĉo en Knajpo
levu ĉiu je nia IF.

Inter brilaj abioj
ardaj tostoj, ĝojkrioj
Certe estas aŭdeblaj en for'.
Kaj sendube eĉ nifoj
volus veni al IF-oj,
se trakosme penetrus inform'.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***



# RENKONTIĜOJ KUN STEPAN PAVLOVIĈ TITOV



La 15-an de aprilo 1962 en Novosibirska elektroteknika instituto (ruslingva siglo NETI, nun NGTU), kie jam sensacie pasis "Tago de poezio" kaj "Tago de libro", okazis ne malpli surpriza por teknika supera lernejo kaj ne malpli elstara festo – "Tago de paco". Kiel la antaŭaj "Tagoj", iĝintaj en NETI de tiam tradiciaj, ĝin preparis kaj organizis la membroj de instituta liter(atura )societo, gvidanta de mia frato Jevgenij Rappoport. Mi estis unu el "la membroj".

Kun plezuro respondis nian proponon alveni kaj elpaŝi dum la "Tago de paco" la patro de kosmonaŭto-2 Stepan Pavloviĉ Titov. Ĉiujn unue venintajn al NETI, inkluzive S.P.Titov, konsternis kaj ĝisekstreme plena aŭlo de la instituto, kaj la reganta atmosfero, kaj atentema, delikatsenta, bonvola aŭskultantaro, aranĝinta ovacion al la elpaŝanta Stepan Pavloviĉ, kaj akademiano Sergej Lvoviĉ Sobolev, kiu alvenis por tiu ĉi okazo rekte de flughaveno, kaj fama kardiokirurgo Jevgenij Nikolajeviĉ Meŝalkin, kaj komponisto Valentin Levaŝov, kaj multaj aliaj. Stepan Pavloviĉ donacis al litersocietanoj sian foton kun propramana skribaĵo.

Sekvatage li gastis ĉe nia loĝejo. Kun mia patro, Grigorij Pavloviĉ, li rapide trovis komunan lingvon – Esperanto, kiun ili ekposedis en juneco, proksimume dum la samaj, 20-aj jaroj. Stepan Pavloviĉ komunikis planojn pri sia partopreno en plej proksimaj internaciaj esperantistaj forumoj.

En la redakcio de la ĵurnalo "Sovetskaja Sibirj" ("Soveta Siberio") estis produktita foto, kiun Stepan Pavloviĉ donacis al mia patro kun propramana skribaĵo dorsflanke. Niaj kontaktoj kun Stepan Pavloviĉ havis daŭrigon. Post unu jaro ni ekvidis lin en la "Tago de poezio" ĉe Altaja politeknika instituto: videble, nia ekzemplo imitigis studentojn de Barnaulo, kiel, cetere, de Tomsk, Angarsk, Irkutsk…



Kaj en 1965 ni, membroj de litersocieto de NATI, vizitis vilaĝon Polkovnikovo de Altaja lando, la lernejon, kie laboris Stepan Pavloviĉ kaj lernis German Stepanoviĉ Titov (mi eĉ sidis sur lia lernobenko kun nikelita memortabuleto). Tie ni laŭtlegadis al kamparanoj la romanon de S.Zaligin "Ĉe Irtiŝ" kaj

notis iliajn opiniojn laŭ ekzemplo de instruisto de Stepan Pavloviĉ mem, Adrian Mitrofanoviĉ Toporov – la aŭtoro de la libro “Kamparanoj pri verkistoj” kaj esperantisto.


Григорию Павловичу Раппопорт.
На добрую память, в знак глубокого уважения
и дружбы.
С. Титов
P.S. Al mia kara kamarado je eterna memoro.
S. Titov

En la patra arkivo konserviĝis kelkaj poŝtkartoj, skribitaj Esperante kaj adresitaj al li en Minsk, kie pasis lia juneco.

Pri lia pasio al Esperanto skribnotis en siaj taglibroj la klasikulo de japana dramaturgio, esperantisto (lernanto de Vasilij Eroŝenko), Akita Udzjaku (1883-1962), kiu vizitis USSR (1927-1928), inkluzive Minskon (1928), kaj lokis en sian libron “Juna Soveta Rusio” foton, en kiu ĉeestas li mem, mia patro kaj ties amiko, ankaŭ esperantisto, literatura kritikisto kaj tradukisto Dmitrij Snejko (1903-1959). La libro estis eldonita japanlingve en Japanio en 1929. (Pri tiu ĉi temo vidu ankaŭ: <http://historio.ru/liestis.php>.)

***Aleksandro Rappoport (Novosibirsk)***

## TRIA TUTMONDA EKZAMENTAGO

Post la grandaj sukcesoj de la Unua kaj Dua Tutmondaj Ekzamentagoj la komisiono de UEA pri la Ekzamenoj laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro (KER) decidis aranĝi similan tagon ankaŭ ĉi-jare. La dato de la 3-a Tutmonda Ekzamentago estas la 17-a de majo 2014. La 3-a Tutmonda Ekzamentago estos iom alia ol la unuaj du. La ĉefa diferenco estas, ke multaj organizaj paŝoj estas solvendaj interrete. En kelkaj lokoj, kie troviĝas kaj la modernaj teknikaĵoj kaj kompetentuloj, eblos denove okazigi ankaŭ la parolan parton uzante Skajpon aŭ la servojn de Google+.

Jam registritaj estas ekzamensesioj en Ĉeboksaro, Hago, La Chaux-de-Fonds, Limoĝo, Managvo, Moskvo, Parizo, Seulo, Tokio kaj Tuluzo. Por ricevi rajton aranĝi lokajn sesiojn sufiĉas, ke en la sama loko kolektiĝu minimume 5 personoj, kiuj rajtos ekzameniĝi pri malsamaj niveloj. Do, ne necesas, ke por unusola nivelo estu 10 kandidatoj.

La rajton organizi sesion oni devas peti plenigante la aliĝformularon, post kies aprobo fare de la komisiono, la loko ricevos sian kodon. La reta KER-AGENDO gvidos la organizantojn en la preparlaboro.

Pli da informoj pri la organizaj kondiĉoj kaj aliaj detaloj troviĝas ĉe <http://edukado.net/novajhoj?id=421>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# Bulteno de REU

**FEBRUARO 2014**

**№80**. Kompilas kaj redaktas Nikolao Gudskov (rete: nikolao@yandex.ru)

## NOVJARA MESAĜO DE LA PREZIDANTO DE UEA



Kio estas Esperanto? Jen la neevitebla demando, al kiu ĉiu esperantisto devas ade respondi, ĉu en disaj konversacioj, ĉu en la privateco de la propra cerbo.

Ni ĉiuj konas diversajn pretajn formulojn – "lingvo internacia", "lingvo neŭtrale homa", "dua lingvo por ĉiuj" ktp – tradicie uzatajn por tiaj klarigoj. Komence de la jaro 2014 eble venis tempo rigardi la aferon el iom pli radikala vidpunkto.

Lingvo kun interna ideo – tiel Zamenhof priskribis nian aferon. Sed eble pli trafa estas la iama propono de Helmut Welger, ke temas pri ideo kun interna lingvo. Ideo samtempe pli vasta kaj pli intima, ol vortaro kaj gramatiko, ĉar ĝi koncernas nian identecon – nian homan eston.

Laŭ tiu vidpunkto, ni disvastigas unue kaj ĉefe ne lingvon, sed homaranecon. Temas pri la sento kaj sperto, ke oni mem aktive partoprenas en iuspeca tutmonda kulturo – ne simple kiel konsumanto aŭ kliento, sed kiel kunkonstruanto. Tiun senton dividas sendube dekoj da milionoj da homoj tra la mondo; inter ili multaj apenaŭ (aŭ neniam) aŭdis pri Esperanto; multege malpli eklernis ĝin. Ili estas, tamen, en profunda senco niaj samideanoj.

Por fariĝi amasmovado, ni devos do lerni paroli kun tiuj homoj. Tio signifas ankaŭ lerni aŭskulti ilin. Ni alportas homaranecan rigardon al la lingva sfero; ni elserĉu kaj akceptu homaranecajn kontribuojn en aliaj sferoj. La fakto, ke UEA jam de 65 jaroj emfazas la ŝlosilan gravecon de la homaj rajtoj en nia laboro por Esperanto, estas modelo de tia evoluo; sed ni ne imagu, ke tie jam finiĝas niaj devoj.

La ĉi-jara Universala Kongreso en Bonaero invitas dialogon kun ĉiuj ak-

tivuloj por daŭripova estonteco – koncepto kiu plivastigas la homaranecon por inkluzivi ĉiujn samplanedanojn, homajn kaj aliajn. Ke daŭripova mondo devas esti ankaŭ homaraneca mondo, verŝajne neniu el ni pridubas. Tamen kiel evolui en tiu direkto? – jen defio, kiu nun okupas registarojn kaj neregistarajn organizojn tra la mondo kaj devus pensigi ankaŭ nin.

Esperanto: lingvo por daŭripova mondo. Por ke tio ne estu nur frapfrazo, ni devas labori por kompreni ĝian amplekson, ĝiajn implicojn. Ni devas fariĝi movado, kiu edukas homojn en tutmonda skalo pri la profunda rolo de la homaj lingvoj en la atingo de justeco socia, ekonomia kaj eĉ ekologia. Kaj kie povas dialogi ĉiuj, kiuj laboras por tia mondo.

En tia kadro ni ja rajtos konsideri nin amasmovado.

***Mark Fettes***

## FREŜA REVUO "ESPERANTO" LIBERE GUSTUMEBLA

La unua numero de la revuo Esperanto redaktita de Fabrício Valle aperis en januaro. La redaktoran ŝanĝon akompanas granda ŝanĝo de la grafika aspekto, sed ankaŭ enhave la redaktoro celis fari la oficialan organon de UEA vigla kaj leg-invita. Kvankam temas pri la unua numero de la jaro 2014, Valle nomas ĝin sia "nula" numero, kiu estas ankoraŭ iel eksperimenta kaj eble ne libera de malglataĵoj. Li pensas, ke necesos ses numeroj, ĝis la revuo firme trovos sian vojon enhave kaj aspekte.

Same kiel jam ekde 2004, post la enpresejigo la nova numero fariĝis legebla en la reta Jarlibro por la individuaj membroj de UEA, kiuj registriĝis kiel uzantoj de tiu servo.

Por ke ĉiu ajn esperantisto povu konatiĝi kun la plursence freŝa revuo, la januara numero tamen estas libere elŝutebla ĉe la retejo de UEA: <http://www.uea.org/revuo/>.

Por tiuj, kiuj volos legi ankaŭ la aliajn numerojn aperontajn en la jaro 2014, estas je dispono la reta membroaliĝilo de UEA <http://db.uea.org/alighoj/alighilo.php>.

***Gazetaraj komunikoj de UEA***

## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO EN BONAERO

Startinte en 1978, la Esperantologia Konferenco iĝis jam konstanta kaj tre ŝatata programero de la ĉefa tutmonda evento de la Esperanto-socio. Ĝi havos sian 37-an sesion kadre de la 99-a UK en Bonaero, fine de julio.

Organizata de Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj (CED), la esplora fako de UEA, la ĉiujara Esperantologia Konferenco ebligas prezenton de studoj pri Esperanto kaj rilataj temoj, entreprenitaj laŭ diversaj fakaj kaj esploraj perspektivoj. Ĝia malferma, altnivela

kaj interfaka karaktero proponas unikan ŝancon por riĉiga interŝanĝo de scioj kaj vidpunktoj inter fakuloj kaj anoj de la publiko.

La kunordigantoj de la Bonaera Esperantologia Konferenco estas prof. Esther Schor, fakulo pri la angla literaturo ĉe la Universiato de Princeton, Usono, kaj José Antonio Vergara, estrarano de UEA.

Oni bonvenigas prelegoproponojn pri ĉiu ajn aspekto de Esperanto kiel lingvo, kiel socia kaj kultura fenomeno k.s. aŭ pri aliaj esplorkampoj ligitaj al interlingvistiko. Kandidatoj anoncu sin per resumo kaj mallonga biografia informo ĝis la 31-a de majo retpoŝte al prof. Esther Schor <eschor@princeton.edu>.

*Gazetaraj komunikoj de UEA*

## KVAR PRELEGOJ EN LA 40-a MALFERMA TAGO

La stabo de la Centra Oficejo de UEA invitas vizitantojn al la Malferma Tago, kiu okazos jam por la 40-a fojo sabaton, la 10-an de majo. La unua Malferma Tago de CO estis en novembro 1994, kaj ekde tiam tiu ĉi ŝatata aranĝo okazis dufoje en ĉiu jaro.

Kun kvar prelegoj la programo estos pli ampleksa ol kutime. Sub la titolo "Interlingvistiko – ĉu nur intelekta ludaĵo?" Detlev Blanke prezentos scienc-strategiajn konsiderojn kaj kelkajn germanajn spertojn tiurilate. En sia prelego "La gramatika domo de Esperanto" Wim Jansen uzos la domon kaj ĝiajn konstru-aspektojn kiel metaforon por prezenti trajtojn de la Esperanta gramatiko el la vidpunkto de la funkcia gramatiko.

Lige kun la 90-a datreveno de la verkistino Marjorie Boulton, tri tagojn pli frue, Humphrey Tonkin parolos pri ŝi kaj ŝia verkaro. Fine, sub la titolo "Nefertito kaj Eĥnatono – drameca epizodo el la egipta historio", Wera Blanke prezentos apenaŭ konatajn eventojn antaŭ 3 mil jaroj en la antikva Egiptio.

En la programo estos ankaŭ prezentado de libroservaj novaĵoj kaj de filmoj. Aldone al specialaj ofertoj la vizitantoj povos profiti de ĝenerala sesona rabato en la libroservo, butikumi en la bazaro de esperantaĵoj kaj gajni premiojn en senpaga loterio. Kafo kaj teo, ankaŭ senpagaj, estos varmaj la tutan tagon. La programo daŭros de la 10-a ĝis la 17-a horo.

*Gazetaraj komunikoj de UEA*

## LA AFRIKA ESPERANTISTARO PRETAS INVITI LA MONDON

La 4-an de januaro finiĝis la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto, kiu dum unu semajno disvolviĝis en la benina urbo Kotonuo kun 32 partoprenantoj el 11 landoj. Krom la afrikaj landoj Benino, Burundo, Ebur-Bordo,

Kamerunio, Niĝerlando, Senegalo, Sud-Afriko kaj Togolando, reprezentitaj estis ankaŭ Haitio, Svedio kaj Svislando. Inter la partoprenantoj estis kvar el la sep membroj de la Afrika Komsiono de UEA, interalie ĝia kunordiganto Adjévi Adjé, kaj tri el la dek ankoraŭ vivantaj afrikaj kongresanoj de la jubilea UK en Varsovio en 1987. Ekstermovadan prestiĝon donis la partopreno de la vicurbestro de Kotonuo, s-ro Augustin Houessinon, kiu parolis en la inaŭguro kaj la fermo.

La kongreso estis kunorganizita de tri partneroj: Afrika Komisiono de UEA, Asocio de Beninaj Esperantistoj (landa asocio de UEA) kaj la svisabenina neregistara organizaĵo *Scio Sen Bariloj*. En la programo estis 18 prelegoj kaj unuhora skajpa kunveno kun la Novjara Renkontiĝo en Germanio. En la Silvestra Vespero oni dancis; dum la lasta vespero, la 3-an de januaro, estis nacia vespero, en kiu prezentiĝis tri muzikgrupoj. Okazis ankaŭ sesio de Internaciaj Ekzamenoj de ILEI kaj UEA. Pri la dua nivelo sukcesis unu kandidato kun la noto “bone”, pri la tria nivelo du kandidatoj kun la noto “tre bone”.

La kongresa rezolucio esprimis dankojn al UEA, Institucio Hodler ’68 kaj multaj individuaj esperantistoj el ĉiuj mondopartoj, kies subteno ebligis okazigi la kongreson, 17 jarojn post la 4-a Afrika Kongreso en Tanzanio. La rezolucio emfazis la neceson de internaciaj Esperanto-renkontiĝoj kiel rimedo por spertiĝo kaj lingva perfektiĝo de la movado en Afiko. Tiucele oni esprimis petecon okazigi IJK, UK kaj/aŭ ILEI-konferencon en Afriko, eĉ jam en 2016. La rezolucio pledas ankaŭ por modernigo de la Afrika Oficejo de UEA en Lokossa, Benino, kiel montrofenestro de Esperanto en Afriko. Pli da informoj pri la 5-a AKE, kun fotoj kaj ĉiuj numeroj de ĝia bulteno *Kotona Gazeto*, troviĝas en la blogejo de Mirejo Grosjean <http://mirejo3.blogspot.com/2013/12/kvina-afrika-kongreso.html>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA 4-a INTERNACIA FESTIVALO DE E-KANTO, RECITADO, ORATORA KONKURSO EN BULGARIO

De la 4-a ĝis la 6-a de aprilo 2014 en Karlovo, Bulgario, en la Roza Valo okazos la 4-a Internacia Festivalo de Esperanto-kanto, recitado, oratora konkurso. Organizantoj: Akademio Internacia de la Sciencoj – AIS Bulgario, Eŭropo-Demokratio-Eesperanto en Bulgario, Internacia Universitato Karlovo. Alta protektanto: D-ro Emil Kabaivanov, la urbestro de Karlovo. Detaloj kaj aliĝilo troveblas ĉe <http://www.ipernity.com/blog/32119/688335>. Retadreso: <leonov@rozabg.com>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## KOTIZREGULARO DE REU POR LA JARO 2014

***(akceptita de la Estraro de REU per skriba voĉdono)***

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj kun samaj rajtoj krom voĉdonrajto.*

1. Individua kotizo – 250 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 20 eŭroj). La individua membro ricevas elektronikforme membrokarton, Bultenon de REU, Jarlibron de REU kaj aliajn informojn (laŭpete REU sendas la materialojn ankaŭ per ordinara poŝto), voĉdonrajton dum Konferenco de REU, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj, abono de REGo kaj en REU-aranĝoj.

2. Dumviva kotizo – 20-oblo de la individua kotizo. La dumviva membro ricevas ĉion saman kiel la individua membro dum la tuta vivo.

3. Mecenata kotizo – ne malpli ol 2-oblo de la individua kotizo. La mecenato ricevas ĉion saman kiel la individua membro plus dankan mencion en la Bulteno kaj en la asocia retejo <reu.ru>.

4. Kolektiva kotizo – 100 rubloj por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj). La aliĝinta kolektivo ricevas membrokartojn (elektronikforme) por siaj aligitaj membroj, Bultenon de REU, Jarlibron de REU kaj aliajn informojn, voĉdonrajton por siaj aligitaj membroj dum Konferenco de REU, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj, ĉe unu abono de REGo kaj en REU-aranĝoj.

5. Aliĝkotizo por nova aliĝinta kolektivo, aŭ okaze de realiĝo – 300 rubloj, unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.

6. Amiko de REU – senpage. Amikoj de REU ricevas rajton partopreni en REU-Konferenco sen voĉdonrajto, Bultenon de REU en elektronika formo kaj aliajn informojn. Persono, sin anoncanta "amiko de REU", devas plenigi aliĝilon kaj mencii sian ekzistantan retadreson.

Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.

*Krome, membroj de REU havas rabaton dum abono de REGo: por la individuaj membroj la abono por 2014 kostas 550 rub., por la aliĝintaj kolektivoj – 500 rub. (ne pli ol 1 ekzemplero).*

La rublaj kotizoj sendendas al: *Шорохова Наталья Николаевна, до востребования, п/о Развилка, Ленинский р., Московская обл., 142717* (aliaj pagmanieroj vidu en <http://reu.ru/paghoj/pagmanieroj_eo.html>).

La eŭraj kotizoj sendendas al uea-konto "reua-p".

# Eksciu, ke...

## LIBROSERVO DE UEA EN 2013: "POŜAMIKO" VENKIS, EVOLUO ZORGIGAS

La lingvoekzercilo *Poŝamiko* de B.Allée kaj K.Kováts gajnis jam por la kvara sinsekva fojo la unuan lokon en la listo de la plej furore venditaj varoj ĉe la Libroservo de UEA en 2013. La vendita nombro (178) tamen estas multe sub tiu en 2012 (326), sed pli ol duoble superas tiun de la antaŭa multjara ĉampiono, *Vojaĝo en Esperanto-lando*. La libro de Boris Kolker leviĝis el la sepa loko en 2012 al la dua en 2013, kvankam de ĝi vendiĝis je 10 ekzempleroj malpli ol en la antaŭa jaro.

La sperto de *Poŝamiko* kaj *Vojaĝo en Esperanto-lando* spegulas la ĝeneralan malkreskon de la vendoj en 2013, kiu fariĝis malbona jaro por la Libroservo. Ĉiuj vendoj sumiĝis je 77 142 eŭroj, dum en 2012 temis pri 87 377 eŭroj. Ankaŭ en 2012 temis pri malkresko (-12,8%); eta konsolo estas, ke pasintjare la falo estis iom malpli granda (-11,7%).

La malkresko de la vendoj estas zorgiga. Antaŭe la fluktuoj de la vendosumoj grave dependis de la grandeco de la kongresa libroservo. La malkresko en 2012 egalis preskaŭ precize la diferencon de la vendoj en Kopenhago kaj en la multe malpli granda UK en Hanojo. Pensige estas, ke en Rejkjaviko la libroservo vendis iom malpli ol en Hanojo (resp. 14 776 kaj 15 154 eŭroj), kvankam la kongresanoj de la Hanoja UK estis malpli multnombraj kaj averaĝe malpli aĉetpovaj. Unu kialo de la ĝenerala falo en 2013 estas manko de furoraj novaj titoloj kiel iam *PIV*, *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*, *Vojaĝo en Esperanto-lando* kaj *La arto labori kune*. Ĉar la Esperanta merkato ŝajnas esti ade ŝrumpanta, eldonistoj malpli emas investi en grandaj eldonprojektoj, kiuj verŝajne ne repagus sin per la vendoj. Ne malgrava estas ankaŭ la influo de la daŭra falo de la abonantaro de tiu ĉi revuo, kies rubriko *Laste aperis* ĉiam estis la ĉefa reklamtabulo de Esperanto-eldonaĵoj. Eble en alia okazo ni ankoraŭ revenos pli detale al la demando, ĉu la Esperanta libromerkato ĝenerale kaj la Libroservo de UEA aparte havas estontecon.

La unua listo ĉi-sube montras la tutan vendonombron de la menciitaj titoloj. Ĝin ĉefe influas aliaj libroservoj, kiuj mendas samtempe pli ol unu ekzempleron de sama titolo por poste pluvendi al siaj klientoj, ofte dum pluraj jaroj. La listo de unuopaj vendoj konsideras nur la vendojn al klientoj, kiuj rekte mendis aŭ aĉetis surloke ĉe UEA.

***Vendoj entute** (ekz.)*

178 Poŝamiko (B.Allée & K.Kováts)
80 Vojaĝo en Esperanto-lando (B.Kolker)*
79 Mil unuaj vortoj en Esperanto (H.Amery & S.Cartwright)
75 Asteriks ĉe la olimpiaj ludoj (Goscinny & Uderzo)
73 Asteriks kaj Kleopatra (Goscinny & Uderzo)
63 Internacia Kongresa Universitato 2013 (Red. A.Wandel & R.McCoy)*
56 Imperiaj ambicioj (N.Chomsky & D.Barsamian)
51 Dictionnaire de poche / Poŝvortaro (Red. A.Andrieu)
47 Gerda malaperis! (C.Piron)
45 Esperanto Mini-Grammar
44 Esperanto de nivelo al nivelo (Red. kaj esperantigis M.Kovács)
44 Beletra Almanako 17
43 Beletra Almanako 16
43 Esperanto via de directe methode (S.Marček)
39 Detala gramatiko de Esperanto (B.Wennergren)
39 Pasporta Servo (listo de gastigantoj)*
39 Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo (T.Sekelj)*
38 Beletra Almanako 18
36 Baza Esperanta radikaro (W.F.Pilger)*
36 Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA *
36 Discover Esperanto *(E@I)*

***Vendoj unuopaj** (ekz.)*

40 Beletra Almanako 16
38 Beletra Almanako 17
35 Beletra Almanako 18
22 Vojaĝo en Esperanto-lando (Boris Kolker)*
20 Asteriks kaj Kleopatra (Goscinny & Uderzo)
19 La aventuroj de Ŝerloko Holmso (A.Conan Doyle)
19 Imperiaj ambicioj (N.Chomsky & D.Barsamian)
18 Asteriks ĉe la olimpiaj ludoj (Goscinny & Uderzo)
17 Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo (Tibor Sekelj)*
16 Belarta rikolto 2013 (Red. teamo)
14 La legisto (B.Schlink)
13 Plena ilustrita vortaro de Esperanto (2005)
13 Kroze-proze (S.Johansson)
13 Pri maljunuloj, la aĵoj, kiuj pasas (L.Couperus)
13 Steloj de Eger (G.Gárdonyi)
13 Poŝamiko (B.Allée & K.Kováts)

La 21-an – 28-an de junio 2014 en Kievo okazos Internacia renkontiĝo "Bronŝtejn jubileas", dediĉita al la 65-a datreveno de nia kara famulo. Invitataj estas ĉiuj, kiuj ŝatus ĉeesti la festadon en internacia kompanio. La informojn oni vidu ĉe <www.espero.org.ua/bj/bj.htm>. Konkretajn demandojn respondos Mikaelo Lineckij <m-urso@yandex.ua>.

12 Esperanto kaj aliaj lingvoj – kontrastlingvistikaj kaj socilingvistikaj aspektoj (Red. Detlev Blanke)*
12 La eta princo (A. de Saint-Exupéry)
12 Esperanto de nivelo al nivelo (Red. kaj esperantigis M.Kovács)
12 Leksikologio, frazeologio, historio, semantiko kaj terminologio: du kontinentoj renkontiĝas en Hanojo (Red. Ch.Kiselman & M.Maradan)*
12 Profesia uzo de Esperanto kaj ĝiaj specifaj trajtoj (Petr Chrdle)

* *Eldonaĵoj de UEA/TEJO.*

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA HISPANO EN SIBERIO

En la pasintjara novembro en Novosibirskon venis Rafaelo Gonzales el Hispanio, profesia instruisto pri Esperanto. Li naskiĝis en suda parto de Hispanio, kie estas multe da suno, sonas flamenka muziko kaj oni kreskigas ĉarmajn ĉevalojn. Nun Rafaelo estas emeritulo, lia hobio estas vojaĝoj al diversaj landoj, kie li konatiĝas kun multaj homoj, vidas interesajn lokojn, spertas lokajn kondiĉojn kaj gustumas lokan manĝaĵon.

Dum sia profesia vivo li instruis la anglan, elpensis novan metodon de instruado, tamen nur instruante Esperanton, li perfektigis sian metodon kaj brile instruis en Germanio, Turkio, Ĉinio, Ukrainio kaj dum eŭropaj kongresoj. Do, Rafaelo venis al Novosibirsko. Sed kiel ĉio komenciĝis?

Dum la preparado de RA-8 en Krimeo pri li rakontis al mi kaj konatigis nin per skajpo Jefim Zajdman, kiu dum tiu periodo gastigis Rafaelo-n. Mi invitis Rafaelo-n instrui dum nia renkontiĝo, tamen pro vizaj kialoj tio ne sukcesis. Kaj dum la renkontiĝo kursojn gvidis Jefim Zajdman laŭ la metodo de Rafaelo.



Iumatene mi preterkuris la kursejon kaj kun granda surprizo ekaŭdis mian filinon flue E-paroli! Ŝi diris tre longan kaj malfacilan frazon! Mi miris, sed poste mi miris ankoraŭfoje, kiam ŝi partoprenis en ĉiuj teatraĵetoj kune kun Ĵenja Slovaĉevskaja. Mia filino ofte vizitis E-aranĝojn, tamen neniam antaŭe lernis la lingvon!

Tiam mi ekvidis ke la metodo de Rafaelo funkcias bonege! En la italia kongreso pasintsomere mi konatiĝis kun Rafaelo persone kaj ni pridiskutis lian alvenon al Siberio. Lin timigis niaj

frostoj, sed kiam li venis, li alportis al ni la sunan veteron de Hispanio! Nur post lia forveturo la 12-an de decembro aperis fin-fine neĝo kaj minusaj temperaturoj.



Pri la kursoj mem. Rafaelo instruis Esperanton, la hispanan kaj la anglan. Esperanton lernis 12 personoj, la hispanan – 7 kaj la anglan – 4. Do, gesinjoroj, Esperanto venkis!

La E-lernantoj brile finis la kurson kaj nun povas paroli dum klubaj kunvenoj. La etoso en la grupo estis perfekta. Dun la lernoperiodo ni kune vizitis kelkajn muzeojn en Novosibirsko, operan teatron, muzikan kafejon kaj veturis al proksima urbo Kemerovo. Ni ankaŭ vizitis rusan banejon kaj manĝis en diversaj kafejoj de Novosibirsko.

Mi mem lernis la hispanan. Mi volis vidi kiel funkcias la metodo ekde la komenco. Kun plezuro mi komprenis, ke mi ŝatas sonojn de la hispanaj vortoj kaj povas jam uzi ilin por konstrui frazojn. Rafaelo ne uzas librojn dum la kurso, nenion skribas sur la tabulo kaj ankaŭ li ne permesas skribi al la lernantoj. Perfekte! Ni amuziĝis kiel infanoj kaj post unu monato kaj duono ni komencis poiomete paroli kaj kompreni la lingvon!

Ĉi-somere Rafaelo partoprenos en nia Renkontiĝo de Amikoj – 9, kiu pasos en Altaja respubliko. Mi kore invitas ĉiujn partopreni la aranĝon kaj ĝui la kurson de la brila instruisto Rafaelo Gonzales!



***Katerina Arbekova (Novosibirsk)***

## ESPERANTO-RADIOREKLAMO EN HUNGARIO

Inter la 01-a kaj la 14-a de februaro 1002-foje aŭdiĝis 11-sekunda radioreklamo pri Esperanto en programoj de 26 radiostacioj en Hungario!

La suma elsendotempo (1002-foje po 11 sekundoj) estas 183 minutoj, kiu signifas do iom pli ol 3 horojn...

Elektadon de radiostacioj ni faris tiel, ke ili atingu tiujn homojn, kiuj loĝas ekster Budapeŝto, ĉefe en malgrandaj urbetoj kaj eble malmulte interretumas, sed interesiĝas pri la socia, komunuma vivo de sia loĝloko.

La reklamo pri Esperanto estas aŭskultebla kiel la dua materialo en la suba reklambloko: <http://www.eszperanto.hu/zip/radioreklam-blokk.mp3>.

Traduko de la reklama teksto estas la sekva: *"Por havi lingvoekzamenon, aŭ por via universitata akcepta ekzameno plej rapide oni povas lerni la lingvon Esperanto. Elprovu la interretan kurson – <www.esperanto.hu>!".*

La reklamon realigis nia **"Esperanto-Centro Eventoj"**, kiu fakte estas kunlabora forumo de kelkaj E-kolektivoj: Fondaĵo "Eszperantó Alapítvány", societo "Eventoj" (alinome Kultura Esperanto-Asocio) kaj mia entrepreno "Lingvo-Studio", L.S. – kiu ĝuste nun en februaro festas sian 30-an naskiĝdaton (fondita en 1984).

Laŭ nia scio tiom longa kaj tiom ampleksa radia reklamkampanjo por Esperanto ankoraŭ ne okazis en Hungario, kaj ankaŭ ne en internacia Esperantujo – do ni estas nun iom fieraj.

Antaŭ kelkaj jaroj la konata japana esperantisto-mecenato Etsuo Miyoshi subvenciis aperigon de tutpaĝaj Esperanto-reklamoj en kelkaj grandaj eŭropaj gazetoj. Nia ĵusa radioreklamo multe diferencas de tiu modelo: unuflanke nia kampanjo estas multe pli malgranda, aliflanke pro la kresko de la kvanto de la kursaj aliĝoj la kosto de la reklamado revenis ene de kelkaj tagoj...

Eble ne estas vaste konate, ke ekde 2003 (do jam de 11 jaroj) ni funkciigas propran, unikan, **pagan (!) interretan kurson** por hungaroj. NE TEMAS pri la Lernu-kurso, ni mem konstruis propran kurso-sistemon de nulo ĝis B2, sen financado fare de ESF aŭ de alia asocio...

Malgraŭ tio ke ĝi estas paga kurso, malgraŭ la paralela konkurenco de la senpaga Lernu-eblo, ĝis nun aliĝis pli ol 4000 (!) hungaroj al nia interaktiva reta kurso, inter ili pluraj el la nunaj aktivuloj de la internacia Esperanto-movado *(aktivuloj ĉe Muzaiko, Tejo-Tutmonde, Biblioteko OIK-Fajszy, skoltoj-hu, ktp.)*

***László Szilvási (Hungario), fonto: Ret-Info***

## MEDALO DE TOLEREMO AL GES-ROJ GRATTAPAGLIA

La geedzoj Ursula kaj Giuseppe Grattapaglia, kiuj jam 40 jarojn gvidas serve al brazilaj infanoj la esperantistan edukejon *Bona Espero*, ricevis la *Medalon de Toleremo* de *Fondumo Zamenhof* en Bjalistoko. La medalon enmanigis al ili la ambasadoro Andrzej Braiter en la pola ambasadejo en Braziljo la 14-an de decembro dum solena antaŭkristnaska renkontiĝo kun poloj loĝantaj en Brazilo. Inter la 120 ĉeestantoj estis ankaŭ tri membroj de la Eŭropa Parlamento.

La medalo estas aljuĝata de *Fondumo Zamenhof* pro elstara defendado de la Zamenhofa ideo de toleremo. Ĝi estis unuafoje donita en 1999 al la papo Johano Paŭlo la 2-a rekone pro la interreligia toleremo montrita de li kiel la unua papo, kiu vizitis sinagogon kaj moskeon. Postaj laŭreatoj estis i.a. pola historiisto kaj politikisto Wladysław Bartoszewski kaj Monda Skolta Organizo.



*Ursula Gratapaglia montras la Medalon de Toleremo. Dekstre de ŝi Giuseppe Grattapaglia kaj plej dekstre la ambasadoro Andrzej Braiter.*

En la ceremonio por transdoni la premion al ges-roj Grattapaglia la unua sekretario de la pola ambasado Dorota Bogutyn legis leteron de *Fondumo Zamenhof*, pravigantan la decidon de la Konsilantaro de la Fondumo kiel *rekonon por la multjara laboro, celanta pli bonan mondon, plialtigon de la vivkvalito de infanoj, ilian klerigon kaj preparon al memstara vivo, i.a. utiligante Esperanton, la neŭtralan lingvon de la monda komunikado*.

S-ino Bogutyn legis ankaŭ gratulleteron de Ludoviko Zaleski-Zamenhof, la patrono de la Fondumo, kiu skribis interalie: *Toleremo akompanas, karaj Giuseppe kaj Ursula, vian tutan vivon. Ĝi esprimiĝas kiel respekto por diverseco, komencante de etna aŭ haŭtkolora, tra la varieco de kutimoj kaj kulturoj, ĝis malsameco de konvinkoj.* Plue, d-ro Zaleski-Zamenhof skribis: *La hodiaŭa solenaĵo ĝojigus la heroldon de la ideo de toleremo, Ludovikon Zamenhof, mian avon, interalie pro ĝia loko mem. La belega ĉefurbo de Brazilo naskiĝis el fantazia ideo, simile kiel Esperanto. Ĝi estis kritikata pro sia artefariteco, dum en la praktiko ĝi grandioze evoluas.*

***Gazetaraj Komunikoj de UEA*** *(laŭ raporto de Roman Dobrzyński)*

## LA 9-a INTERNACIA E-RENKONTIĜO DE MEDITADO

Trarigardante Internacian kalendaron de Esperantaj aranĝoj mi rimarkis, ke en Suda Koreio jam dum kelke da jaroj regule en januaro Esperantista Asocio de Ŭonbulismo okazigas Internacian Esperanto-renkontiĝon de Meditado (IERM). Kiel homo, edukita surbaze de ateismo, mi iomete skeptike rigardis ĉi tiun informon. Ŭonbulismo estas koredevena religio, kaj tiu fakto iomete ĝenis min. Sed senviza reĝimo inter Rusio kaj Suda Koreio faris sian aferon: mi partoprenu, decidis mi.

Ŭonbulismo estas unu el kvar ĉefaj religioj en Koreio.Tri gravaj ideoj de ĉi tiu religio bone reflektiĝas en la Novjara mesaĝo de la ĉefmajstro de la ŭonbulismo. La unua estas kultivi vastan menson. Ĉar la religio baziĝas sur budhismo, ne mirindas, ke grava rimedo por atingi grandaniman menson kaj akiri pacon kaj trankvilon en la animo estas praktikado de meditado. La dua estas disvolvi profundan saĝon, t.e. klare vidi kaŝitan principon de kaŭzo-kondiĉo-efiko. Kaj, finfine, la tria – kaŝita virto: akumuli virtojn, faratajn nerimarkate de aliuloj. En la tri ideoj mi ekvidis nenion supermiraklan, kaj ŝajnas ke tiuj pli apartenu al etik-filozofia doktrino, ol al religio mem. Sed tio ne gravas, ĉar, kiel diris Budho, ĉio estas bona, kiu efikas. Kaj efiko, laŭ mia opinio, estis sufiĉe bona.

En la renkontiĝo, kiu okazis de la 17-a ĝis la 21-a de januaro en urbo Iksan, sume partoprenis 58 personoj el Koreio, Rusio, Japanio, Hungario, Ĉinio, Tajvano kaj Litovio. Okazigis la 9-an IERM la Internacia Fako de Ŭonbulismo, por kiu Esperanto estas preferata lingvo. Temo: Unu Vero, Unu Mondo. Celoj: mensa paco per meditado; spertado de korea kulturo; unu mondo per bonfarplena renkontiĝo.

Dum la renkontiĝo spektro de prezentado estis tre vasta: ekde preparado de gimbapo (populara korea manĝaĵo) ĝis konatiĝo kun ekzotika Kosma lingvo. Kaj, certe, kantado, akompanata per gitaro, kaj dancado laŭ rondo. Krom meditado kaj 108 riverencoj (necesa atributo de la religio), oni organizis ekskurson tra sanktaj lokoj. Ni vizitis naskiĝdomon de majstro Sotesano, fondinto de la religio. Impresis vizito de kelkaj sanktaj konstruaĵoj, servantaj kiel muzeo, kiuj demonstris historion de ŭonbulismo. Kaj ĉio ĉi situis en pitoreska loko inter koreaj piceoj kaj bambua densejo. Sed ni devis rapidi, ĉar nin atendis aŭtobusa ekskurso en alian lokon. Surborde de la Flava maro strebas al ĉielo monumento de Budho. Nome en ĉi tiu loko iam albordiĝis ĉinaj ŝipoj, kiuj alportis al Koreio ideojn de budhismo. Multaj budhismaj statuoj, kiuj situis surstrate kaj ene de loka muzeo, provokis tre ofte premi butonon de fotilo. Tie vi trovos lokon, kie oni povos riverenci al Budho, aŭ sidi sur benko kaj ĝui belan pejzaĝon de la Flava maro.

Reveninte en Seulon, ni havis renkontiĝon kun fama korea esperantisto

profesoro So Gilsu. Li estis konata al mi ĉar en 2001, oficvojaĝante Vladivostokon, li vizitis nian klubon. Tre erudicia persono. Konversacio kun li estis tre interesa, sed tempo, bedaŭrinde, estis limigita. Mi prezentis al li fotoalbumon pri nia klubo, kaj li donacis al mi siajn du libretojn, tradukitajn en Esperanton.




En la sama tago vespere oni invitis min en Seulan Esperanto-Kulturcentron, kiun gvidas docento de universitato, estrarano de UEA, sinjoro Lee Jungkee. Mi ne kaŝis la envion, kiam ekvidis ĉambron, kies muroj estis kovritaj de bretoj plen-plenaj de diversa Esperanta literaturo: lernolibroj, beletraĵoj. Sur plafono estis fiksita projekcia aparato. Dank' al Interreto kaj Skajpo vizitantoj povas vidi sur granda ekrano siajn korespondantojn el diversaj landoj.  Tiu videoseanco estas anticipe interkonsentita kaj okazas unufoje dum semajno. La videodialogo helpas al komencantoj psikologie alkutimiĝi al negepatra lingvo kaj efektive vastigi sian leksikonon.

Fine mi volas danki gesinjorojn Cho Myung-ja kaj Jeon Daebong, en kies hejmo mi gastis, por tio ke ili trovis liberan tempon kaj per propra aŭtomobilo, malgraŭ longa distanco, okazigis ekskurson en loko de militarismigita zono inter Norda kaj Suda Koreioj. Unu afero estas legi pri tio en Interreto, sed alia afero – vidi propraokule kiel barilo el pikdrato disigas koreajn familiojn je du kontraŭaj partoj de iam komuna lando. Ia maltrankvila sento naskiĝas en la animo, kiam preteriras iam minacajn tankojn kaj aviadilojn, nun servantajn kiel muzeaj eksponaĵoj. Tie estas klare vidate kiel rompeblas paco. Kaj ne hazarde ĉefmajstro Gjongsan alvokas al ĉiuj "disvolvi profundan saĝon por klare vidi principon de kaŭzo-kondiĉo-efiko" por ke la honesta homo ne estu simpla ludilo en la manoj de neantaŭvidemaj politikistoj.

***Gennadij Ŝlepĉenko, Prezidanto de E-klubo "Pacifiko"***

## AL ĈIES ĜOJO

Pasintjare Moskva klubo de scientistoj-esperantistoj “Scio” travivis malfacilaĵojn, elvokitajn per longdaŭra riparo de la konstanta sidejo kaj, ve, maljunuliĝo de sia konsisto. Tamen la kluba laboro daŭris kaj estis kronita novembre per la jubilea, 80-a konferenco. En la programo de la konferenco estis: kanta-muzika vespero, gvidata de Ermita Tarĥan; ŝerca prelego de R.K.Grincjaviĉus pri metodo de mezurado de piedpasinta distanco; raporto de A.V.Nistratov pri ekoturneo tra Volga delto; raporto de V.V.Sidorov pri unuaj kolonianoj en Oka baseno.

Decembre junaj membroj de la klubo A.V.Nistratov kaj A.A.Kurilkin al ĉies ĝojo sukcese defendis disertaciojn, plivastigante vicojn de scienculoj. Estas grave, ke unu el sciencesploroj de A.V.Nistratov, raportita siatempe dum nia konferenco kaj publikigita en la kluba retejo, estis oficiale konsiderita kiel scienca publikaĵo.



Plua aktiva vivo de la klubo estos nekonceptebla sen alfluo de junaj personoj kaj novaj interesaj elpaŝoj. Lige kun tio estas ĝustaloke rememori pri la praktiko de senĉeesta partopreno de aliurbaj esperantistoj en la kluba laboro. Eblas esperi, ke sukcesa sperto de A.V.Nistratov ne nur aktivigos moskvanojn, sed ankaŭ instigos aliurbanojn sendi al ni siajn raportojn por laŭtlego dum konferencoj de la klubo “Scio” kaj postaj publikigoj (laŭ voloj de la aŭtoroj) en la renovigita retejo de la klubo <http://klubo.jimdo.com>. Raportojn ni petas alsendi dulingve: en Esperanto (por laŭtlego) kaj en la rusa (por publikado). Kompreneble, la tekstoj devas esti taŭgaj por redaktado; la ilustraĵoj (ĝis 500 KB) dezirinde estu en la formato *jpg* aŭ *gif*.

***Ergard Budagjan (Moskvo)***

## PROGRAMO POR 2014 DE LA FRANCA ESPERANTO-KASTELO GREZILJONO

19-26.04: FRINGOJ, renkonto inter grupoj de E-lernantoj kaj iliaj instruistoj.

26.04-04.05: PRINTEMPaS, intensivaj kursoj en 3 niveloj, internaciaj KER-ekzamenoj B1-C1.

08-11.05: Kantado de korusaro Interkant'.
11-17.05: Renkontiĝo por rememoroj inter malnovaj esp-istoj kaj iamaj gastoj de Greziljono.
29.06-06.07: Turisma semajno, tuttagaj ekskursoj al reĝaj kasteloj ĉe rivero Luaro kaj rezidejoj de renesancaj artistoj.
01-09.08: Sennacieca semajno kun kursoj, ekskursoj kaj prelegoj antaŭ SAT-kongreso.
09-17.08: Festa Semajno por infanoj, adoleskantoj, junuloj, familioj, SAT-Infankongreseto.
24.10-01.11: AŬTUNE, la komunaj ferioj por infanoj, familioj kaj geavoj.
Adreso: *MCE, Grésillon, St. Martin d'Arce, 49150 BAUGE-EN-ANJOU, France.* Retpoŝto <kastelo@gresillon.org>. Retejo <gresillon.org>.

## VALENTIN OVĈINNIKOV (06.04.1939 – 20.01.2014)

Valentin Viktoroviĉ Ovĉinnikon naskiĝis en Leningrado la 6-an de aprilo 1939. En 1945-1956 Valentin vizitis leningradan lernejon № 142. En 1965 Ovĉinnikov finis Leningradan Ŝtatan Politeknikan Instituton (nun – Sankt-Peterburga Ŝtata Politeknika Universitato). Ekde 1977 ĝis 1994 Ovĉinnikov laboris en la Komerc-Industria Ĉambro kiel tradukisto de la teknika literaturo el la germana lingvo.

Esperantistiĝis en 1956. En 1956-1958 li vizitis kunvenojn de la leningrada E-societo "Aŭroro". Tiutempe en la klubo "Aŭroro" oni povis renkonti famajn esperantistojn: ekzemple, Semjon Podkaminer, Oskar Gardi, Sergej Obruĉev. En 1980 Valentin Ovĉinnikov estis elektita kiel estrarano de la Leningrada filio de ASE. Li vizitis siajn korespondamikojn en eksterlandoj kaj ankaŭ gastigis ilin mem.



Dum multaj jaroj Ovĉinnikov regule vizitis kunvenojn de la peterburgaj E-societoj "Espero", "Amikaro" kaj "Kariljono". Leningradaj esperantistoj fiksis kelkajn prelegojn prezentitaj fare de Ovĉinnikov: "Revuo pri Esperanta gazetaro", "Pri likvido de la Leningrada sieĝo", "Laŭ propra sperto: gvido de ekskursoj laŭ difinita itinero", "Mia vojaĝo al Italio" k.c.

Ekde 2009 ĝis la lasta sia tago Valentin Viktoroviĉ estis sekretario de la E-societo "Kariljono".

Peterburgaj esperantistoj kondolencas al la parencoj de Valentin Ovĉinnikov.

***Anatolij Sidorov (Sankt-Peterburg)***

# JUBILEAJ DATOJ DE LA JARO 2014

*Vladimir Sutkovoj* (1904 – 1937) – 110 jaroj
01.01 – *Zoja Kaĉalova* – 60 jaroj
10.01 – *Miĥail Giŝpling* – 90 jaroj
14.01 – *Vladimir Opletajev* – 60 jaroj
19.01 – *Vladimir Gakalenko* (1939 – 2006) – 75 jaroj
23.01 – *Aleksandr Belov* – 60 jaroj
24.01 – *SEU-refondo* – 25 jaroj
11.02 – *Nikolaj Kabanov* (1864 – 1942) – 150 jaroj
18.02 – *Aleksandr Kalaŝnikov* – 60 jaroj
19.02 – *Oleg Ŝaronov* – 50 jaroj
25.02 – *Eŭgeno Bokarjov* (1904 – 1971) – 110 jaroj
14.03 – *ASE-fondiĝo* – 35 jaroj
18.03 – *Irina L.Mironova* – 65 jaroj
21.03 – *Gennadij Gluĥov* – 70 jaroj
25.03 – *Aleksandr Gluĥov* – 50 jaroj
06.04 – *Valentin Ovĉinnikov* (1939 – 2014) – 75 jaroj
07.04 – *Sergej Bronov* – 60 jaroj
07.04 – *Maja Loskutova* – 30 jaroj
17.04 – *Anatolij Ivasenko* – 65 jaroj
02.05 – *Viktor Kolĉinskij* (1904 – 1937) – 110 jaroj
07.05 – *Nina Cvileneva* – 65 jaroj
01.06 – *Aleksandr Ĥarjkovskij* – 80 jaroj
08.06 – *Fjodor Staneŝnikov* (1914 – 1983) – 100 jaroj
20.06 – *Raja Kudrjavceva* – 55 jaroj
22.06 – *Petro Stojan* (1884 – 1961) – 130 jaroj
26.06 – *Marija Koĉetkova* – 40 jaroj
02.07 – *Tatjana Vtorova* – 65 jaroj
07.07 – *Mikaelo Bronŝtejn* – 65 jaroj
09.07 – *Aleksandr Morev* – 50 jaroj
15.07 – *Boris Kolker* – 75 jaroj
05.08 – *Eduard Kolosov* – 40 jaroj
03.09 – *Meri Abolskaja* (1929 – 2008) – 85 jaroj
11.09 – *Natalja Grigorjevskaja* – 40 jaroj

*vidi daŭrigon en la sekva paĝo* ⇒⇒⇒




*Boris Kolker*



*Aleksandr Kalaŝnikov*




# SES EN RUSIO

La 17-an – 25-an de aŭgusto 2014 okazos la Unua Somera Esperanto-Studado (SES) en Rusio (Moskvo), organizata de MEA MASI kaj E@I. SES estas unu el la plej grandaj E-aranĝoj en Eŭropo, ekde 2007 jam sepfoje tre sukcese pasinta en Slovakio. La aranĝo havas du difinitajn celojn: instruado de Esperanto al la kursanoj de la lingvoniveloj A1-C2 kaj konatigo de la partoprenantoj kun la lando kaj ĝia kulturo.

Rusio dum pluraj jaroj ne havis internaciajn E-aranĝojn. Sorto de SES-Rusio multe dependas de ĉiuj enlandaj esperantistoj. Kontribuu al sukceso de la unika internacia E-aranĝo: venigu parencojn, konatojn, novulojn, spertulojn – ni garantias, ke en la programo de SES ĉiu homo trovos sian intelektan, klerigan kaj distran niĉon! Venu-kleriĝu-amikiĝu-ĝuu!

Aliĝu kaj informiĝu ĉe la paĝaroj de SES <http://ses.ikso.net/2014/> kaj MEA MASI <http://ek-masi.weebly.com/>, en la VKontakte-grupo de SES-Rusio <http://vk.com/ses_rusio> aŭ ĉe <mirinda,strigo@gmail.com>.

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

---

22.09 – ***Vladimir Soroka*** – 55 jaroj
23.09 – ***Valentina Lisijenkova*** – 70 jaroj
25.09 – ***Vladimir Kosarev*** – 70 jaroj
15.10 – ***Nikolaj Neĉajev*** – 50 jaroj
25.10 – ***Tatjana Loskutova*** – 65 jaroj
01.11 – ***Andrej Peĉonkin*** – 55 jaroj
11.11 – ***Natalja Soljakova*** – 40 jaroj
21.11 – ***Igorj Galiĉskij*** – 50 jaroj
01.12 – ***Vladimir Minin*** – 60 jaroj
15.12 – ***Ludoviko Zamenhof*** (1859 – 1917) – 155 jaroj
15.12 – ***Sergio Pokrovskij*** – 65 jaroj



*Mikaelo Bronŝtejn kaj Sergeo Straŝnenko dum IF*